# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio.
Numero 373, novembro-decembro, 2005.
56a jarkolekto.

REDAKTISTO
Manuel Pancorbo

KUNLABORINTOJ
Salvador Aragaj, Ángel Arquillos, Toño del Barrio, Faustino Castaño, Vildana Delalić, Jorge Camacho, Pedro Hernández, Ilona Koutny, Miroslav Malovec, Ken Miner, Manuel Parra, Darío Rodríguez, Guadalupe Sanz, Pedro Sanz, Luis Serrano, Antonio Valén.

ELDONAS
Hispana Esperanto-Federacio
C/ Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 Madrid
Telefono kaj faksilo: +34 914 468 079
☞ www.esperanto-es.net
admin@esperanto-es.net
Banko-konto (BBVA):
0182-01252-31-0204011961



SENDU VIAJN KONTRIBUOJN AL
C/ Molino de la Navata 7, 4ºB
ES-28420 Galapagar (Madrid)
bulteno@esperanto-es.net



Presejo *Gráficas Aurora*, Zaragoza
Leĝa deponnumero: Z-334-90
Kompostita per programo *Scribus* laŭ GPL-licenco

## El la redakcio

# Televido en esperanto

Tiu ĉi numero de **Boletín** spegulas la eĥon distrumpetantan tra la tuta Esperantujo pro la ekfunciigo de la unua televid-kanalo en esperanto: **Internacia Televido** aŭ ITV. La fakto ke la elsend-medio estas interreto, kaj ne la kutimaj hercondoj —aŭ, pli moderne, ciferumitaj hercondoj—, ne minusvalorigas la gravon de la atingaĵo. La afero estas prezentata laŭ ĉiuj anguloj, eĉ laŭ tiuj kritikaj.

Kompreneble, la postsomeraj e-renkontiĝoj en nia lando okupas nian atenton: vi povos legi ĉi numere pri la 13a Esperanto Semajno pri Kulturo kaj Turismo, okazinta en Calella; estas raporto pri la kongreso de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo kaj ties aktivaĵoj; kaj ankaŭ ni prezentas mallonge la sperton de aktivulo de SATeH (SAT en Hispanio) pri ties lasta partopreno en la pasinta festo de la komunista partio, en Madrido.

Krome, ni prezentas informetojn pri la eĥo de esperanto en amasmedioj, precipe la partopreno de madridaj aktivuloj en la programo *Toma nota* de la regiona televido *Telemadrid*; pri la instruagado de esperanto en nia lando, tra diversaj kursoj kaj iniciatoj, kun la mesaĝo de **Pedro Hernández** ke "*ni donu bonkvalitan postvendan servon*".

Plue, vi legos diversajn raportetojn pri novaĵoj en Esperantujo, kun memorigo pri la du grandaj venontjaraj eventoj: Universala Kongreso en Florenco kaj la Internacia Junulara Kongreso en Sarajevo.

Ni finas la numeron per eseo de **Luis Serrano** pri la benoj kiujn portas legado de *Don Quijote*; jen nia fermo de la kiĥota jaro kaj ties koncernaj agadoj.

Feliĉan julon kaj ĝis venonta jaro!

MANUEL PANCORBO

# Enhavo


**El la redakcio**

Televido en esperanto .......................1
Sur la kovrilo ...................................2
Eraragnoskejo ..................................2

**Elestrare**

Vian kontribuon, mi petas! ...............3
Estraro kunvenas .............................. 4

**Enlanda agado**

Novaĵoj el *Fundación Esperanto* ..... 5
Andaluza Kongreso ..........................6
Esperanto kaj turismo en Calella ......8
Pliaj katalunaj novaĵoj ....................11
SATeH ĉe festo de la PCE ............ 12
*Heleco* en retpaĝo ...........................13

**Instruado**

Pluraj instru-agadoj ........................ 14

**Amasmedie**

Eroj el gazetaro ...............................16

**Esperantuje**

**Kovrile** Esperanta televido ........... 18
Interlingvistikaj Studoj ...................22
Forpasis Bakin ................................23
Venontaj internaciaj kongresoj .......25

**Recenzo**

*Historio de Esperanto* .................... 26

**Literaturo**

Eseo pri *Quijote* (Luis Serrano) ..... 28
Poemoj (Jorge Camacho) ............... 30

**Formuliloj**

Preztabulo 2006 ..............................31
Aniĝilo 2006 ...................................32





**Sur la kovrilo** *Vi povas vidi la logoon de la premiera televid-kanalo de Esperantujo: Internacia Televido, ITV*.

M. PANCORBO

# Eraragnoskejo

La koboldoj de la redakcio kaj la malzorgo de la redaktisto fuŝis kelkajn erojn de la pasinta numero. Jen ekzemploj:



1. Paĝo 3: anstataŭ **Ana Manero**, estas **Marcos Cruz** la demisiinta ekstrarano (vicsekretario) kaj, do, dankinda. Ana Manero ne okupis nek okupas postenon en la estraro, sed ŝi estis, kaj plu estas, la ĉef-motoro de la madrida Centra Oficejo.

2. Paĝo 4: **Manuel Pancorbo** evidente kunorganizis la hispanan kongreson de 2005, ne 2004.

3. Paĝo 5: la ĝusta titolo de la poemaro de Miguel Fernández estas *El **la** sonoraj soloj*, ne *El miaj sonoraj soloj*.

4. La familia nomo de **Lorenzo Noguero** insiste, kvazaŭ inside, aperis plurfoje kiel *Noguera*. Pardonpeton!

# Vian kontribuon, mi petas!

En la ĥaoso kaj sinpuŝiĝo por pretigi la unuan ekzempleron de **Boletín** sub mia respondeco, tiu ĉi redaktisto ne havis ŝancon preni la parolvicon .



Nu, post tiuj unuaj momentoj de necerteco, mi trovas la tempon skribi ĉi tiujn liniojn, kiuj simple petas ke vi nepre kontribuu al **Boletín**, per raportoj de ĉio kio okazas/is/os en via klubo aŭ ĉe vi, kompreneble, rilate al esperanto. Principe, ĉio estas interesa: oficialaj agadoj de via klubo, persona partopreno en internacia evento, vojaĝo per Pasporta Servo, akcepto de esperantistoj en via hejmo...

## Kiel sendi?

Sendu vian kontribuon, prefere per retpoŝto, al bulteno@esperanto-es.net. Skribu en glata teksto, ne per MS-Word kaj aliaj artifikaĵoj (vd. apudan kadron); uzu unikodan enkodigon laŭ utf-8; se vi tute ne scias kiel skribi tiel, uzu iksan surogaton (cx, gx, hx, jx, sx, ux) kiu estas pli facile tradukebla al unikodo.

Kiom eble plej ofte kaj abunde, kunsendu fotojn de la evento! Ili estu aferecaj, sufiĉe kvalitaj, kun videblaj kaj rekoneblaj vizaĝoj ĉefe de niaj aktivuloj, en normalaj sintenoj (evitu kapti malfermitajn okulojn!); evitu ankaŭ neinteresajn dorsojn, malproksimajn homojn... Nu, estus necese skribi tutan bultenon nur por instrui kiel kapti per fotilo la plej sukajn bildojn, ni kontentiĝu provizore per tiuj ĉi konsiloj. Fotoj estu kaptitaj per ciferecaj fotiloj aŭ skanitaj el papera originalo.

Anstataŭ rekta sendo al bultena adreso, mi akceptas atentigon pri publikigo en iu ajn interreta medio kiun la kontribuanto konsiderus oportuna: persona retpaĝo, blogo, dissendolisto... Mi rekte prenus la informon el tiuj fontoj.

## Bv., ne papere!

En tiu ĉi cifereca kaj retkomunikiva epoko estas perdotempo la uzo de pape-

## Evitindaj formatoj

Multaj homoj erare pensas ke komputilaj formatoj ---kia tiu de *Microsoft Word*--- estas ĉiusence universalaj; eĉ perdas multege da tempo lernante mastrumon de komplikaj programoj. Tiu *MS-Word*-formato neniel estas universala aŭ norma, sed aŭtor-rajta sekreta formato de multnacia firmao. Aldone, ne ĉiuj homoj havas tiun programon, same kiel ne ĉiuj homoj parolas la anglan.

Anstataŭe, por multaj komunikaj celoj ---i.a. sendi kontribuon al **Boletín**--- sufiĉas tajpi sur la redakto-fenestro de via retpoŝta programo. Se vi tamen forte alkutimiĝis al uzo de *MS-Word* kiel redaktilo, konservu la dosieron kiel glatan tekston (TXT) aŭ kopiu la tekston el la programo kaj algluu ĝin sur la retpoŝtilon. Se vi konsideras ke la tipar-ornamoj estas gravaj, konservu ilin laŭ RTF-formato (el la angla *riched text format*). TXT kaj RTF estas publikaj, nesekretaj kaj normaj formatoj.

ro ĉar la normala poŝto estas malrapida kaj ne fidinda. Krome, la ricevanto devas nepre re-tajpi la tekston ---laboro jam farita de la sendinto--- kaj skani la paperajn fotojn. Nu, sciu ke la redakta kaj komposta laboro estas jam sufiĉe temporaba, sen tiu kroma peno. Se vi havas ion interesan por raporti kaj ne havas komputilajn rimedojn, bv. interkon- senti kun samideano pli teknologiema de via klubo.

### Boletín por vi, sed per vi

Jen devizo aplikebla al preskaŭ ĉiu asocia organo. La bulteno eldoniĝos kun aŭ sen viaj raportoj: ju pli da kontribuoj, des pli interesa. Do, ek al tajpado! Tiu ĉi redakcio fermos venontan numeron la 15an de januaro.

## Estraro kunvenas

**La HEF-estraro kunsidis la 7an de oktobro, je la 17:00 horo en madrida HEF-oficejo. Ĉeestis tamen nur du estraranoj: vicprezidanto Lupe Sanz kaj redaktisto Manuel Pancorbo; aliĝis al kunsido Manuel Parra ---kiel helpanto de sekretario Carmen Suárez---, Toño del Barrio ---kiel Direktoro de *Fundación Esperanto*--- kaj aliaj kunlaborantoj.**



G. Sanz k M. Pancorbo

La ĉefaj decidoj estis:

1. Eldoni, pere de la subvencio kaj kongrue kun la celoj de projekto Kiĥoto-2005, libron kompilontan la desegnojn kiuj partoprenis la porinfanan desegnokonkurson de la pasinta HEF-kongreso. Ĝi enhavos ankaŭ kelkajn prelegojn de tiu kongreso en dulingva versio; do, disdoniĝis la tradukaj taskoj. La eldonkvanto estos 300 ekzempleroj.

2. Renovigi la patronaron de *Fundación Esperanto*. Laŭ la nova statuto de *Fundación*, la HEF estraro rajtas nomumi du patronojn, kiuj estos **Lorenzo Noguero Sarasa** kaj **Juan Antonio del Barrio Unquera**.

3. Post la pritakso de proponoj por la venonta kongreso, Ekstremaduro kaj Benikasimo, la HEF-estraro decidas realigi la kongreson de 2006 en Benikasimo, Kastelono.

La HEF-estraro rimarkas maltrankvile ke mankas kvitancoj, fakturoj kaj ĉefe vera agadoj, por pravigi la subvenciitan monon. Diversaj proponoj estiĝis, inter aliaj antaŭmendi la fotokopiadon de broŝuroj por la venonta Expolingua, tiel ke ĝi eniru la buĝeton de 2005 kaj do utilu kiel garantio por la subvencio. La HEF-estraro malkuraĝiĝe konstatas la malmultan kunlaboron de la grupoj por tiu ĉi celo.

La venonta kunsido okazos la 8an de decembro, kun pli multnombra estrarana partopreno.

***Enlanda agado***

# Novaĵoj de *Fundación Esperanto*



Dum la lasta asembleo de HEF en Alcalá, estis ratifita la nova statuto de *Fundación Esperanto*. Ĝi estis necesa pro la nova hispana leĝo pri fondaĵoj, kiu modifis la postulojn por tiuj organizoj, kaj celis streĉi la kontrolojn sur ties aktivaĵoj.

Unu el la sekvoj de la modifo de la statuto estas la ŝanĝo de la Patronaro, kiu de nun devas malpligrandigi sian konsiston. Du el la patronoj estas elektitaj de HEF, kaj en kunveno de la estraro de tiu ĉi asocio oni elektis la novajn personojn, kiuj okupos la postenojn. Tiuj estos Lorenzo Noguero kaj José Antonio del Barrio, kiuj ĝis nun jam havis respondecojn en la Fondaĵo kiel, respektive, sekretario kaj direktoro.

La nova patronaro deziras speciale danki la antaŭajn patronojn, Miguel Ángel Sancho, María Rafaela Urueña kaj José María Rodríguez pro ilia sindonemo kaj iliaj kontribuoj.

La nova patronaro deziras speciale danki la antaŭajn patronojn, Miguel Ángel Sancho, María Rafaela Urueña kaj José María Rodríguez pro ilia sindonemo kaj iliaj kontribuoj.

## Subvencioj

Kiel oni informis en numero antaŭa de **Boletín**, la subvencioj de *Fundación* iros ĉijare al du programoj: la organizado de kursoj en universitatoj kaj la eldono de libroj. Se vi havis rilaton kun unu el tiuj ĉi aktivaĵoj dum la jaro 2005, ne forgesu ke la limdato estos la 30a de novembro. Sendu vian peton kaj la informojn pri la aktivado al la adreso (poŝta aŭ elektronika) de *Fundación*.

## Aliaj aktivadoj

*Fundación* plu kunlaboras en la disvolvo de la Projekto Kiĥoto de Hispana Esperanto-Federacio. Dum la monato aŭgusto, *Fundación* donacis ekzempleron de la traduko al nia lingvo de la verko *La inĝenia hidalgo don Quijote de La Mancha* al la publika biblioteko de la Madrida Aŭtonoma Komunumo, *Joaquín Leguina*. Ni ankaŭ sendis du ekzemplerojn al du bibliotekoj de la franca urbo Tuluzo, kie troviĝas samtempe forta Esperanto-movado kaj grava komunumo de hispana origino.

Ni memorigas al ĉiuj aktivuloj ke ekzempleroj de tiu ĉi verko, kiun eldonis Fundación en 1977, estas donace je via dispono por kontribui al la disvastigo de la projekto kaj al la elmontro en la ekstera mondo de la kulturaj trajtoj de la Esperanto-komunumo.

**T. del Barrio**

Retadreso de Fundación Esperanto:
fundacion@esperanto-es.net

# Andaluza Kongreso

**La 11a Andaluza Kongreso de Esperanto okazis en Malago la 8an kaj 9an de oktobro de 2005, meze de neatendita pluvo.**



Ángel Arquillos

La ĉeestantaro ne estis troa, plimulte alvenis el Eŭropo kaj Ĉinio, okaze de la Kunsido de Civitana Esperantio. Inter la ĉeestantoj mi devas mencii la faman verkiston kaj prelegiston S-ro Giorgio Silfer, kiu gvidis dutagan seminarion pri esperantologio, kaj lian edzinon Perla Martinelli, tiel konata kiel li pro similaj agadoj rilate al la movado. Aliaj homoj estas Marie France Conde-Rey, fama feministа kaj eminenta esperantistino, kiu verkas interesajn artikolojn en la gazetoj *Femina*, Heroldo kaj *Literatura Foiro*; Profesoro Walter Zelazny, konsulo de la *Esperanto-Civito;* kaj pri la ceteraj mi menciu nur la landojn ĉar estas multaj kaj mi ne memoras ĉiujn nomojn. La land-devenoj estas jenaj: Bulgario, Germanio, Svisio, Italio, Hungario, Ĉinio, Britio, Pollando...

La kongres-programon ni ne kapablis tute plenumi pro manko de tempo, kelkaj prelegantoj ne partoprenis, sed ni ĝuis la deklamadon de la du unuaj ĉapitroj de *Donkiĥoto*, kiuj estis legataj de kelkaj personoj el diversaj lingvoj kaj landoj kiel omaĝa jubileo de la ĉefverko de Cervantes tradukita de Fernando de Diego. Ĉiuj ricevis donacitan volumon pro ilia partopreno. Profesoro Giorgio Silfer paroladis pri la hungara traduko de *Donkiĥoto*, kiun ĵus realigis lia kolego de PEN-klubo János Benyhe. Ljubomir Trifonĉovski faris prelegon pri pupteatro. Anjo Amika prezentis siajn plej lastajn kantojn kaj regalis nin per belaj momentoj ktp.

Ni ĝuis la deklamadon de la du unuaj ĉapitroj de D. Kiĥoto, kiuj estis legitaj de kelkaj personoj el diversaj lingvoj kaj landoj kiel omaĝa jubileo de la ĉefverko de Cervantes.



*Libroservo dum AEU-kongreso*

A. Arquillos



*Publika laŭtlegado de* Donkiĥoto *estis unu el la plej simpatiaj programeroj de la kongreso. En la foto, Sylvie Roques prenas sian legvicon.*

Julio Herrero

Ĉe la koridoro, libroservo de SATeH ne mankis, kaj apude staris tre interesa filatela ekspozicio pri Esperanto.

Anekdoto de la Kongreso estis pluvo. Dum preskaŭ unu jaro ne pluvis en Malago, multaj el la eksterlandanoj ĉeestis la Kongreson emaj al nia ĉarma vetero kaj sunlumigitaj strandoj, sed nur unu tagon la suno permesis viziti la plaĝon, la ceteraj pluvadis aŭ ne taŭgis por sunumi, sed ili feliĉis pro la alloga etoso kaj la beleco de la urbo, kiun ni vizitis per la fama duetaĝa turisma buso kaj ankaŭ piede. La malmultekostan apudan restoracion ni ne forgesos, kvankam estis programite manĝi en la kongresejo, sed pro neoportuna restaŭrado de la kuirejo ni devis organizi manĝadon en apuda loko, kie la kelneroj simpatie kaj pacience priservis nin ĉiutage. Feliĉe la dormoĉambroj de la kongresejo estis sufiĉaj kaj komfortaj.

Mi laŭte devas konfesi ke malgraŭ malabunda ĉeestantaro, reformado de la kuirejo, manko je tempo plenumi la planitan programon kaj pluvo, la 11a Andaluza Kongreso de Esperanto sukcesis.

## Retportalo de AEU

Andaluza Esperanto-Unuiĝo havas belan retportalon en interreto. Vizitu en

http://www.esperanto-andalucia.org/

En ĝi vi povas plu legi pri la pasinta andaluza kongreso (kun multaj bildoj), kaj ĝui la legadon de revuoj *Gazeto Andaluzia* kaj *Monate ĉe vi*.



# Esperanto kaj turismo en Calella

**La 13a Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turimo, okazis ĉi-jare en Calella (Katalunio) inter la 1a kaj 8a de oktobro, kaj ĝi superis sian propran rekordon. Nunjare aliĝis 110 gesamideanoj, el kiuj 62 estis eksterlandanoj, precipe francoj, el 10 landoj. Eble la promeso donaci ekzempleron de *Donkiĥoto* al ĉiu aliĝinto vekis la intereson veni al nia internacia evento.**

LUIS SERRANO

## Ronda ĉampana familio

Unue mi devas mencii, ke la etoso estis mirinda sen ia ajn problemo. Jes, estis ronda familio. Sabaton jam preskaŭ estis ĉiuj alvenintaj. Do, la sabata interkona vespero estis, salutojn post resalutoj, inter la ĉeestantoj, ĉar iuj jam partoprenadis nian modestan Internacian Semajnon de antaŭ ok jaroj. Por la novuloj, mirige ili rigardis la abundon da ĉampano "Esperanto", (marko registrita ) bongustan muskaton, kies trinkadon oni realigis per tipaj hispanaj trinkiloj kaj la aldono de frandaĵoj. Ĝi estigis veran interkonan vesperon. Merkrede okazis la dua interkona vespero tre simila al la alia.

La inaŭguro de la Semajno okazis ankaŭ en salono de Hotelo Vila. Ĉeestis la skabeno pri Kulturo kaj Turismo, s-ro Oskar Ojer, kiu deziris al ni fruktdonan Semajnon. Kompreneble la Organiza Komisiono lin dankis pro la helpo ricevita de la magistrato, evidente la ĉeestantaj samideanoj malavare per aplaŭdado lin dankis.



*Inaŭguro de la 13a Esperanto-Semajno*

## Jubileo de revuo *Esperanto*

Dum la Semajno okazis kvar prelegoj. Unu el ili estis farita de nia gastparolanto s-ano Stano Marĉek, ĉefa redaktoro de la UEA-organo *Esperanto*, sub la titolo, *Cent jaroj de la revuo Esperanto*. Tiucele ni aranĝis specialan ekspozicion dediĉitan al la revuo mem kaj ĝiaj redaktoroj. S-ano Marĉek, bone klarigis al ni, kiamaniere li laboras en sia hejmo, kie li redaktas, produktas kaj ekspedas la revuon. Li diris, ke pro poŝtaj kialoj la revuo ne povas havi pliajn pagojn, ĉar la sendokostoj estus neelteneblaj. Li ankaŭ donis konsilojn al la redaktantoj de kiu ajn gazeto, por ke redaktado estu pli facila kaj ĝia enhavo pli interesa. Li enketis pri redaktantoj de revuoj, ĉeestantoj al UEA-kongresoj. Tiujn enketojn oni respondis per levita mano.

## Pli pri *Donkiĥoto*

Dua prelego okazis la 3-an de oktobro fare de s-ano Antonio Marco Botella, sub la temo *Idealismo kaj realo de la verko Don Kiĥoto de la Manĉo*. La idealismo de *Donkiĥoto*, laŭ nia s-ano Marco estas io, kion ni devas apliki, por fari la bonon, kvankam en la verko ne ĉiam estas aplikata tiu realismo. Interesa prelego.

La subskribinto de ĉi tiu raporteto, ankaŭ prelegis pri la sama temo Alitipa legado de Don Kiĥoto. Ĝi estas tute alia maniero kompreni tiu verkon, pli bone dirite legi tion, kio ne estas skribite. Ne forgesu, ke ĝi estis verkita en plena apogeo de la fifama inkvizicio. M. de Cervantes ruze uzis tiun komikecon por montri la tiutempan socion.

### Scienca prelego

*De la akvo al la tero* estis prelego de nia s-ano Pere Navarro-Rosines profesoro pri Botaniko en la Universitato de Barcelono. Li helpata per lumbildoj sciigis ni kiamaniere formiĝis nia planedo antaŭ miloj, milionoj da jaroj, kaj kiel la vivo venis de la akvo al tero. Do, estis vere katedra leciono, pri nia medio, nia deveno kaj pri la estonteco. Li diris, ke neniu povas prave agnoski kio okazos aŭ kiel disvolviĝos la naturo en la futuro.

### Prezento de libro

En ĉi tiu Semajno ankaŭ estis prezentita Esperanto-libro sub la titolo "Esperanto en Katalunio". Ĝi estas libro, kiu detale montras al ni la komencon de Esperanto en Katalunio kaj ĝiajn travivajojn ĝis la jaro 1987. Interesa libro por movadaj sciemuloj. Jes, ĝia aŭtoro estas nia kara notario de la E-movado en Hispanio Antonio Marco Botella.

### Debato

Nunjare nur okazis unu debato, sub la titolo "Nia socio estas violenta, kial?" Fakte ĝi vekis veran diskutadon, diskutado, kiu iuj fojoj devojiĝis, sed la etoso estis mirinda, ĉar diversas homoj el diversaj landoj kaj lingvoj emocie diskutadis pri temo tre aktuala kaj kiun la nuna socio ne kapablas solvi. Nu, alvenis la meznokto kaj ni devis ĝin ĉesigi kaj iri revi kaj ĝui la pacon de la lito.

## Esperanto katalune




Jen nova libro pri la historio de Esperanto —ĉi-okaze pri la grandaj eventoj de la esperanto-movado en Katalunio de 1887 ĝis 1987—.

Eldonita de BEC kaj verkita de Antonio Marco Botella, ĝi jam estas je via dispono. Formato 13 x 20 cm, 358 paĝoj. Prezo 15 eŭroj.

Vian mendon al Barcelona Esperanto-Centro, Bassegoda 40 3º-1ª, 08028 Barcelona.

### Kursoj

Funkciis elementa kaj supera kursoj de Esperanto, la unua gvidata de franca s-ano Lafosse Josee kaj la supera de nia kolego Salvador Aragaj. Ĉiu ĉeestata mi-

nimue de 40 lernantoj. Do estas ankoraŭ intereso lerni Esperanton. Lastan tagon ili ricevis diplomon, kiu instigos ilin al plua lernado.

## Memortabulo

Kun ĉeesto de s-ro urbestro Josep Basart i Pinatel·li (iam lernanto de Esperanto) oni inaŭguris en apuda Parko Dalmau muran memortabulon, kiel rememoron de niaj spuroj, en ĉi tiu kazo en Callela. Sekve kvazaŭ procesie kaj akompanataj de s-ro urbestro ni alvenis en la urbodomon, kiu ni estis institucie akceptataj. S-ro J. Basart instigis nin daŭre insisti precipe ĉe la aŭtoritatoj, ĉar la Esperanto-idealo nepre meritas plenan apogon, li diris. Ni transdonis al li platon dediĉitan al Calella magistrato. Samideano subskribis la honor-libron de la urbodomo. Tiel, tie restis alia spuro nia.




## Premio

Oni aljuĝis Premion Ada Sikorska Fighiera al s-ano Raymond Bore, kiu ri-



*Luis Serrano, Salvador Aragay kaj aliaj aktivuloj kun la ubestro S-ro (meze sur la bildo)*

cevis la plimulton de la proponoj, entute 24 la ceteraj po unu, sed la neĉeesto de la prezidanto kaj la premiito, la premio aperis iom orfa. Jes, oni legis salutojn de S-ro R. Boré, Carlo Fighiera kaj de la Organiza Komisiono. Malgraŭ la neĉeesto s-ano Boré li ricevis tondran aplaŭdadon.

## Danco kaj rumo

Ne forgesebla estas la nokto de la "cremat", rumo bruligita kun aliaj spicaĵoj, kiu rezultas tre bongustan drinkaĵojn trinkota per specialaj tasetoj. Ensemblo harmoniis la nokton, kie la samideanaro junaj kaj maljunaj ege amu-

## *El Punt* reagis al E-Semajno

EL PUNT | **Divendres, 7 d'octubre del 2005** MARESME

# «Saluton», esperanto

**Un centenar d'esperantistes participen aquesta setmana a Calella en una trobada internacional d'estudiosos i parlants de l'esperanto, una llengua utilitzada per quatre milions de persones arreu del món i que defensa el seu ús com a garantia de democràcia lingüística.**

ziĝis, kantis kaj dancis, kun la muziko nomata havankantoj, kiuj tiom plaĉas ĉi tie en Katalunio.

### Ekskusoj kaj distrado

Ni ekskursis, unu tutaga ekskurso kaj du duon-tagaj. Ni vizitis kastelon en Hostalric, iberian vilaĝon en Ullastret, la akvo-digon SAU, hodiaŭ preskaŭ senakva pro la serioza malpluvemo, kiun ĉi-jare suferas Hispanio. Jes, jen maniero koni ĉi tiun teron, kiu enhavas grandan historion de Hispanio precipe en siaj rilatoj kun Francio.

Kaj neniel forgesebla estas la aktorado de nia trupeto el Montpelier "ĜO–JO". Ĉu amatoraj? Mi ne scias, sed mi povas aserti, ke ili perfekte amuzigis nin per iliaj skeĉoj kaj komedietoj. Nian grandan gratulon!

### Fino

Kaj kun la disdonado de la diplomoj al la lernantoj kaj komentarioj pri la pasinta semajno, vendrede je la 23-horo kaj duono finiĝis la Semajno al kiu ĉiuj promesis reveni la venonta jaro. Ĝi okazos ĉe marborda mediteranea urbo. Ne konata ankoraŭ kiam mi redaktas ĉi tiun resumeton pri nia modesta internacia E-evento, kiu ĉiu jare sin superas.

Ankaŭ funkciis ampleksa libro-servo, kie multaj partoprenantoj sin provizis de libroj.

## Pliaj katalunaj novaĵoj

### 4a Montro de Asocioj

S. Aragaj

La 11an de junio, BEC organizis por dua fojo standon en Barcelono, ene de la kultura aranĝo "4ª Mostra d'Entitats" de la kvartalo Ciutat Vella. Samkiel en la alia fojo, en la programero "Firentitats" en Sants, la urbestro de Barcelono, S-ro Joan Clos, vizitis nian standon.




*BEC-anoj deĵoras en la budo*

Francesc Más

### 4aj Someraj Dialogoj

S. Aragaj

La 10an kaj 11an de septembro, BEC organizis la 4ajn Somerajn Dialogojn en la restadejo de Monistrol de Montserrat. Prelegis S-ro Martin Guerrero pri *Socia maljusteco* kaj Salvador Aragaj pri *100-Jara Datreveno de la unua Universala E-Kongreso en Boulogne-sur-Mer 1905, Francio*.




*Martín Guerrero (live) kaj Salvador Aragaj*

F. Más

# SATeH denove ĉe la *Festo de la PCE*

**Denove ĉijare SATeH partoprenis la popularan kermeson nomatan *Festo de la PCE* (Hispana Komunista Partio), de la 16a ĝis la 18a de septembro. Kaj ĝi denove alportis surprizojn.**



Pedro Sanz

La stando estis muntita kun la kunlaboro de HEF kaj HEJS, kiuj alportis homfortojn kaj vendeblajn materialojn.

Ĝenerale ni povas diri ke ni jam estas pli malpli konataj. La intereso rilate niajn propagandilojn notinde kreskas. Tio ŝajnas indiki ke la rilato al ni estas iom pli serioza.




*La budo de SATeH logis vizitantojn de HKP-festo*
P. Sanz

Ni vendis Asterikso-n, Tinĉjo-n, la Manifesto-n de la Komunista Partio... kiel kutime. Tre multajn allogis Pipi Ŝtrumpolonga, sed fine ĝi ne vendiĝis. Plej surprize estas la kvanto de lerno-metodoj venditaj: entute 52 malsamtipaj. Tiu cifero estis atingita danke al la alporto flanke de HEJS de porkomputilaj diskoj tre favorprezaj. Sed ankoraŭ pli surprize estas ke ni vendis 5 ekzemplerojn de la metodo de Adúriz, kiu apudis tiujn diskojn, kaj estis dekoble pli kosta. Tio indikas veran intereson.

Mi povas informi pri kelkaj anekdotoj.

Unue pri tiu deĵoranto el la budo de la PSUC kiu parolis al ni plene en esperanto. Li lernis antaŭ 13 jaroj kun Antonio Valén, sed neniam poste praktikis. Li rakontis al ni, ke li estis tiuepoke en Zaragozo, kaj li deziris lerni esperanton. Do, li provis kontakti la lokan grupon (Frateco) sed, ĉar estis aŭgusto, ties klubejo estis fermita. Sed tiam lia amiko Antonio, kiu studis kun li en Zaragozo, faris al li proponon. Li intencis tuj vojaĝi al Budapeŝto por partopreni esperantan kongreson. Ili iru kune. Antonio garantiis ke fine de la kongreso li flue parolos esperanton. La vojaĝo okazis petveture, ĝi daŭris tri tagojn. Dumvojaĝe okazis la unua parto el la lernado. Kaj … 13 jarojn post la fino de la kongreso li ankoraŭ flue parolas. Do, interesa nova lerno-metodo. Ni devas demandi Antonio-n ĉu li havas ian kopirajton pri ĝi.

Aŭ pri tiu knabino kiu ne havis sufiĉe da mono por aĉeti la metodon de Adúriz (ŝi preferis tiun kaj ne akceptis kunporti la porkomputilan diskon) kaj revenis sekvan tagon, aĉetis sian juvelon, kaj foriris fiere portante ĝin... Aŭ pri tiu junu-

Aŭ pri tiu knabino kiu ne havis sufiĉe da mono por aĉeti la metodon de Adúriz kaj revenis sekvan tagon, aĉetis sian juvelon, kaj foriris fiere portante ĝin...

lo kun kiu mi parolis dum preskaŭ unu horon, kaj kiu tutcerte lernos esperanton. Aŭ pri tiu virino kiu konis la ret-paĝaron de SATeH, taksis ĝin tre altkvalitan (tio, en si mem, ne okazigis al mi surprizon. Fakte mi mem estas tiu, kiu ellaboras tiujn paĝojn, kaj mi estas plene konscia pri tio ke, ekde kiam mi okupiĝas pri tiuj paĝoj, iliaj kvalito kaj allogo eksterordinare kreskis kaj kreskadas) kaj informis nin pri tio, ke ŝi estas instruisto kaj petas siajn lernantojn serĉi informojn pri la temo "esperanto" pere de niaj paĝoj. Aŭ pri tiu belulino kiu alvenis al mi (mi konstatas ke, kvankam la stando plenplenas de deĵorantoj, belulinoj ĉiam venas rekte al mi) kaj petis tradukon al esperanto de iu frapfrazo kontraŭarmea por printi sur eldonota T-ĉemizo.

Por finance modesta organizaĵo kiel SATeH ĉeesti tiajn eventojn ne estas facile. Sed, dum ni kapablos, ni denove partoprenos.

## Hispana tago en Bydgoszcz

**Augusto Casquero**

Okaze de la Hispana Nacia Festo, 12a de oktobro, okazis malgranda festo en Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo, de Bydgoszcz (Pollando) kie Augusto Casquero instruas la hispanan per esperanto.




## *Heleco* en ret-paĝo

**Faustino Castaño**

Astura Esperanto Asocio preparis novan numeron de la revuo *Heleco*, konkrete la 80an. Sed ne eblas ties publikigado laŭ la kutima maniero. Ĝenerale, la presado de tiu revuo eblis danke al subvenciado fare de institucioj kia la urbestra Komisiono pri Kulturo aŭ la Katedro *Jovellanos* en kiu estas enkadrigita nia esperantista grupo. Ĉi-foje niaj demarsoj tiurilate ne estis sukcesaj.

Tamen, feliĉe, ni trovis manieron alvenigi tiun materialon al la publiko. Ni enkondukis la revuon en la ret-paĝon kiun starigas nia Astura Esperanto Asocio, kies adreso estas: http://uica.info/esperanto.

La menciita interreta paĝo estas ankoraŭ modesta afero. Nun ĝi enhavas la paĝojn de la revuo *Heleco* kaj malmulte pli. Krom vidi la revuon surekrane, se oni deziras, oni povas surbendigi la tutan revuon, en formato PDF, en propran komputilon.

Krom tio, en la menciita ret-paĝo de AEA oni povas publikigi aliajn materialojn. Mi pensas ke de nun, anstataŭ *Heleco*-revuojn, nia tuta interrilato kun la publiko nepre okazos tra tiu ret-paĝo.



## Kurso en Vallecas



PEDRO HERNÁNDEZ



Dum la lastaj jaroj, librejo Muga, en la madrida kvartalo Vallecas, kunlaboras per vendado de esperantaj lerniloj kaj vortaroj, kaj plurfoje ni inteparolis pri la ebleco organizi kurson de E-o tie. Finfine, kaj kadre de la kulturaj aranĝoj organizataj de la librejo, la 15-an de oktobro komencis la kurso gvidata de Pedro Hernández; ĝi daŭros ĝis Kristnasko. Por instruado la instruisto uzas propran materialon, kaj la celo (jam atingita) estas ke la lernantoj lernu per praktiko la gramatikon kiel eble plej rapide por ke ili kapablu, post kvar-kvin lecionoj, pretigi prelegetojn surbaze de artikoloj de *Monato*.

La kurson partoprenas nun sep homoj. Ĉar aperis pluraj interesiĝintoj post la komenco de la kurso, nova kurso ekos fine de januaro, kio esperigas pri la ebleco konstante organizi kursojn en la librejo, kaj ke tio iom post iom iĝos tradicio.

Rilate al la kutima problemo de tiuj kursoj, t.e. la "postvenda servo", ĉar kutime plejmulto de la lernantoj ĉesas kontaktojn kun la lingvo post la kurso, la gvidanto sugestis al la lernantoj, organizi ian E-klubeton en Vallecas por praktiki kaj plibonigi la lingvoscipovon.

Cetere, la kurso havis "flankan efikon", ĉar kelkaj amaskomunikiloj interesiĝis pri E-o danke al la ekscio pri la kurso, interalie la programo de RNE “La Lasta Kato”, kiu invitis la instruiston partopreni la programon.

## Internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA en Pollando

AUGUSTO CASQUERO

Pro la fakto ke multaj esperantistoj ne havis ĝis nun eblecon ekzameniĝi por atingi la atestilojn de ILEI/UEA, ĉefe pro la ne-ebleco partopreni universalajn kongresojn, aro da profesoroj rajtigitaj de ILEI, loĝantaj en Pollando, pristudis la eblecon okazigi tiujn ekzamenojn en tiu ĉi lando.

Do, oni decidis organizi tiujn ekzamenojn por eventualaj interesiĝantoj. La dato estos dum la venonta primtempo, semajnfine, kaj la loko estos unu el ĉi tiuj polaj urboj (oni ricevis proponojn el tiuj tri): Torun, Poznan aŭ Bydgoszcz.

Ni atendas sinproponojn por partopreni la ekzamenojn. Eventualaj interesiĝantoj bonvolu kontakti la organizanton, Augusto Casquero, retadreso:
augustocasquero@hotmail.com

## Nova retkurso

DARÍO RODRÍGUEZ

Jen nova Esperanto-kurso far Joachim Boehmeke, de Vilanova i la Geltrú. Ĝi estas en hispana lingvo kaj temas pri adapto de germana kurso de la Germana Esperanto-Junularo.

Kvankam ĝi ne havas sonajn ekzem-

plojn, ĝi prezentas la esperantan fonetikon ne nur per komparoj kun aliaj lingvoj, sed ankaŭ per la signoj de la Internacia Fonetika Alfabeto.

http://www.boehmeke.de/ESPERANTO/Indekso.htm

## Ekstremadura agado

**José Salguero**

Kiel pasintaj jaroj en mezlernejo Cuatro Caminos de Don Benito, Badajoz, grupo de gelernantoj kaj instruistoj lernos esperanton libervole kaj kontaktos kun samaĝuloj el aliaj landoj. Gvidos la kurson José Salguero, Kani.



*José Salguero, Kani, plej alta inter siaj lernantoj*

## LERNU.NET

**Manuel Pancorbo**

Jen unu el la plej sukcesa instru-servo iam ajn iniciita en Esperantujo. Pli kaj pli, kreskas la nombro da junuloj enirintaj kaj enirantaj la movadon pro kaj per tiu ret-servo.

Indas kaj endas propagandi ĝin al viaj interesiĝantoj, kiuj ne povas atenti ĉeestan kurson aŭ pigras je memlernado.

www.lernu.net




## Humuro

**Ken Miner - www.sunflower.com/~miner/**



*La glaso duone plenas*,
diras la optimisto.
*La glaso duone malplenas*,
diras la pesimisto.
*La glaso tro grandas*,
diras la marksisto.
*La glaso ne sufiĉe grandas*,
diras la kapitalisto.
*La glaso enhavas malĝustan likvon*,
diras la esperantisto.

# Respekto en esperanto

Toño del Barrio

*Ĉiuj homoj estas denaske liberaj kaj egalaj laŭ digno kaj rajtoj. Ili posedas racion kaj konsciencon, kaj devus konduti unu al alia en spirito de frateco. Ĉiu havas la rajtojn je vivo, libereco kaj persona sekureco. Nenui* (tiele!) *suferu torturon aŭ kruelan, nehoman aŭ sendignigan traktadon aŭ punon.*

Tion ĉi oni povas legi, en Esperanto, en la ekstera muro de la malliberejo Madrid-2 (en Alcalá proksime al Madrido). Ĝi estas parto de granda murafiŝo (220 metrojn longa) en kiu oni povas legi tri artikolojn de la *Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj*, kaj per kiu oni deziras iom mildigi la eksteran bildon de tiu ne speciale alloga konstruaĵo.



*Liv-dekstren: Mercedes Gallizo (Ĝenerala Direktoro de Prizonoj), Carmen Calvo (Ministro pri Kulturo), José Antonio Alonso (Ministro pri Enlandaj Aferoj) kaj José María Moragas (artisto)*

El País

La verkon desegnis la artisto José María Moragas, kaj estis inaŭgurita la 21an de septembro fare de la hispanaj ministroj de Kulturo kaj Enlandaj Aferoj, kaj la Ĝenerala Direktoro de Prizonoj. La artisto celis prezenti tiujn tri artikolojn en pluraj lingvoj; la mencion al Esperanto oni povas legi en la ĵurnalo *El País*.

La aŭtoritatuloj substrekis la simbolecon de la verko, kaj la strebon al la respekto kiel kondukan fadenon de la verko.

www.elpais.es/articulo/elpepiautmad/20050922elpmad_24/Tes/

# *Telemadrid* filmis nin



M. Parra k T. del Barrio

La 8an de septembro venis al la HEF-oficejo ĵurnalisto kaj kameraistoj de *Telemadrid* (televid-kanalo de Madrida Komunumo), por fari raporton pri esperanto, por programo nomata *Toma nota*. Ĉeestis Toño del Barrio kaj Manolo Parra. Dum unu horo kaj duono ili intervjuis kaj filmis nin, la bibliotekon, ŝildojn, revuojn, ktp. Kaj la 3an de oktobro denove ili venis, kaj filmis kurtajn intervjuojn al ses homoj, po unu. Hazarde, tiun vesperon vizitis la ejon rekorda nombro da esperantistoj, mi kalkulis 12, pro tio ke oni kunvokis neformalan renkontiĝon okaze de vizito de la geparo Obradovic, el Slovenio.

La 3an de novembro en la frumateno, oni finfine elsendis la programon. La elsendo estis tute pozitiva. La raporto estis longa kaj vigla, tre bone farita.

Unue aperis diversaj informoj, kiujn donis Manolo Parra kaj Toño del Barrio. Tio aspektis bone; fakte, oni selektis bonajn pecojn, ne tiujn en kiuj partoprenantoj stumblas; tiu parto estis relative aktiva kaj vigla. Poste aperis Pedro Hernández, Alejandro Pareja, Lupe kaj Carmen, rakontante kiel ili lernis aŭ por kio ili uzis la lingvon; tiuj estis en sinsekvaj "ekstraj planoj", sed oni vigligis la scenon per mallongaj tranĉoj.

Do, la impreso estas tre pozitiva. Bedaŭrinde, la programo estas tre minoritata, kaj je tre malfrua horo.

## Kata radiprogramo

PEDRO HERNÁNDEZ

La unuan de novembro Pedro Hernández partoprenis en la radia babilrondo *El Último Gato* (La Lasta Kato) de RNE, gvidata de Andrés Abersasturi. La unuhora babilado estis elsendita je la dua matene. La temo de la babilrondo estis "lingvo", kaj ĝin partoprenis ankaŭ instruistino de la angla, surdulo, kiu uzis la signolinvon, kaj lia interpretisto.



*La ĵurnalisto Andrés Aberasturi*
www.rne.es

Ne facilas paroli pri la lingvo en tiaj kondiĉoj, ĉar ne eblas strukturigi la temon aŭ pretigi ion ajn, tio dependas de la fluo de la konversacio.

Aberasturi kaj lia kunulo ŝajnis entuziasmiĝintaj pri E-o, kaj aperis la kutimaj kliŝoj pri la nombro de parolantoj, utilo, ktp. La instruistino de la angla, ekzemple, pensis ke en E-o eblas eldiri nur kelkaj vortoj, sed ne supozis ke ekzistas literaturo en nia lingvo. Ĉiaokaze, Pedro sukcesis paroli pri kelkaj aspektoj de la lingvo: gramatiko, pasaporta servo, lernado, ktp. La programero elŝuteblas ĉe

http://www.profesionalespcm.org/_php/MuestraArticulo2.php?id=4550

## Esperanto en satir-revuo

MANUEL PANCORBO

M. Pancorbo tradukis ŝercobildon de satir-revuo *El Jueves* kaj metis ĝin en sian blogon: bitakoro.blogspot.com. La revuo eĥis tiun blogon en sia sekcio "En familia" (leteroj de legantoj). Surprize, ili spegulas la esperantan nomon de la revuo (la ĵaŭdo) tute ĝuste ĉapeligitan. Kompreneble, ili mencias ke temas pri esperanto.



KOVRILA TEMO

# Esperanta televido: mejloŝtono aŭ elreviĝo?

**Post dujara monkolekta kampanjo, en novembro 2005 estis lanĉita la unua regula esperantlingva televidkanalo ITV, Internacia Televido. ITV elsendas siajn programojn nur tra interreto. Ĉar la sukceso de la monkolekta kampanjo estis malpli granda ol planite, multaj el la planitaj programoj ne realiĝis.**

LIBERA FOLIO - www.liberafolio.org

Mankas en la programtabelo interalie Teleĵurnalo, kiu devis iĝi la unua esperantlingva televida novaĵ-programo. Ankaŭ ne videblas la longe disreklamita infanprogramo. **Flavio Rebello**, la gvidanto de la projekto, diras ke pli da programoj venos poste.

*Ni planis dekomence 11 programojn por elsendo ĉe la lanĉo de ITV (kun 35 mil eŭroj en la kaso). Ni havis nur 23 mil. Do kelkaj programoj venos iom post iom, laŭlonge de la semestro. Se ni estus atingintaj 25 mil eŭrojn, ni povus lanĉi ITV-on kun la programoj Infanurbo kaj Teleĵurnalo. Pro tio, ke ni ne atingis eĉ ĉi tiun sumon, la esperantistoj devos iom pacienci antaŭ ol ĝui la novajn programojn.*

Retadreso de
Internacia Televido

**http://internacia.tv**

La origina celo de la monkolekta kampanjo estis ĝuste 35.000 eŭroj, sed somere 2005 evidentiĝis ke tia rezulto ne atingeblas, kaj Flavio Rebello anoncis, ke la kanalo ĉiukaze estos lanĉita, kun malpli ambicia programaro, se estos atingita almenaŭ la sumo de 25.000 eŭroj. Tamen, ankaŭ tion ne eblis atingi. Ni demandis al Flavio Rebello, kial li decidis funkciigi la elsendojn, kvankam mankis 2.000 eŭroj.

*Simple pro tio, ke se ni perdus ĉi tiun ŝancon, eble neniam oni proponos ion similan. La vojo kolekti monon per internacia kampanjo montriĝus fiaska, kaj la koncepto mem de televido en Esperanto estus subfosita de voĉoj, kiuj neniam kredis je la projekto. La fakto ke, spitante la atakojn kaj la mankojn de mono kaj apogo, ni lanĉis la esperantistan televidkanalon, indikas vojon por la esperantistoj - ili neniam rezignu, eĉ sub kaskado da miskonkludoj pri la agado, fare de aliaj "samideanoj".*

Flavio Rebello rakontas, ke la kanalo nun havas tri dungitojn kaj krome ricevas helpon de dudeko da volontuloj. Laŭ li, la retejo ricevas mezume 1.500 vizitojn tage, kun pintoj de 2.500 vizitoj en iuj unuopaj tagoj.

La elsendoj de ITV almenaŭ en la komenca fazo ŝajnas grandparte konsisti el arkivaj materialoj. En du hazarde elektitaj tagoj fine de novembro oni povis spekti dudek jarojn aĝan polan dokumentfilmon pri Esperanto, la konatan kurson




de Esperanto Pasporto al la tuta mondo, produktitan de ELNA, brazilan dokumentan filmeton kun esperanta traduko kaj krome senparolajn Amuzajn videojn.

La origina plano estis krei kvar horojn da novaj programoj ĉiutage, sed efektiviĝis multe pli limigita programaro. La programtabelo de unu tago konsistas el tri duonhoraj elsendoj, kiuj ripetiĝas unu post la alia, entute 18-foje tage. Tamen ankaŭ dum sekvaj tagoj de la sama semajno parto el la programoj ripetiĝas, ĉar entute estas nur kvin diversaj duonhoraj programeroj, daŭre resendataj dum almenaŭ unu semajno.

Eĉ tia magra elekto de programoj almenaŭ komence entuziasmigis multajn spektantojn. La denaska esperantisto **Svetlana Gonĉarova** eĉ ekploris pro la nova elsendo, ŝi rakontas al Libera Folio:

*Mi estis tiel forte impresita, eĉ ŝokita, ke larmiĝis ekde la unuaj sekundoj de spektado. Mi sentis, kvazaŭ komenciĝis nova epoko, kvazaŭ la mondo pliboniĝis, kvazaŭ ekis la bela futuro, kie Esperanto okupas gravan lokon... Kiam mi aŭdis la vortojn "Internacia Televido" kaj vidis la enkondukon, kie tiuj vortoj "ĉirkaŭflugas" la mondon, mi komprenis, ke estas la unua vere internacia televido.*

Precipe por denaskaj esperantistoj televid-elsendoj en Esperanto estas tre gravaj, opinias Svetlana Gonĉarova.

*Esperanto vivas en mi, ĝi estas mia parto, ĝi okupas duonon da mia ekzisto (almenaŭ lingvomense, kune kun la rusa). Kiam mi vidas, ke mia gepatra lingvo Esperanto estas vaste uzata (aŭ almenaŭ ŝajnas tia dank' al ITV) mi sentas, ke multaj homoj povas pli bone kompreni min persone kaj mian/nian esperantan komunumon, kompreni kiel bela estas tiu lingvo, kiajn belajn sentojn ĝi povas krei kaj kiom da feliĉo ĝi povas alporti.*

**Jouko Lindstedt**, patro de tri denaskuloj kaj la gvidanto de diskutejo pri familia uzo de Esperanto, komprenas la entuziasmon de Svetlana Gonĉarova:

*Mi kredas, ke estas ia baza vero en ŝia eldiraĵo: la denaskuloj certe sentas*



*sin iom izolitaj, kaj ju pli multe ili vidas la lingvon en "normalaj" medioj, des pli pravigitaj ili sentas sin.* Mazi, *la unusola vidbendo vere taŭga por infanoj, estis tre grava. Enreta televido —kvankam mi tute ne konatiĝis kun la projekto, mi parolas principe!— povus fariĝi eĉ pli grava, kaj praktike kaj simbole.*




Iom malpli entuziasme ol Svetlana Gonĉarova reagis **Bertilo Wennergren**, akademiano kaj aŭtoro de la konata Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko:

*Miaj unuaj impresoj estas ne tre pozitivaj: la bildokvalito estas malbona, kaj la enhavo apenaŭ interesas min. Sed mi ne volas fari nun definitivan prijuĝon, ĉar temas pri nova afero, kiu certe povas pliboniĝi. Ofte tiaj ĉi elsendoprojektoj, ĉu en la Interreto, ĉu en ordinara televido, komence havas tre modestan kvaliton. Sed ofte ili post iom da tempo signife pliboniĝas. Cetere la elsendokvalito de Interreta televido kutime estas tre malalta. Oni do pri tio ne kritiku aparte la Internacian Televidon. La nuna rapideco de Interretaj konektoj apenaŭ permesas pli bonan kvaliton.*

"Kiel fakto tio estas grava atingo. Grandega kaj tre donkiĥota laboro, antaŭ kiu eblas respektoplene depreni la ĉapelon", diris Andrej Grigorjevskij

**Andrej Grigorjevskij**, unu el la retaj respondeculoj de UEA, mem ankoraŭ ne sukcesis spekti la elsendon de ITV, ĉar li en Rusio ne havas sufiĉe rapidan retkonekton por tiaj celoj. Li tamen opinias la aperon de ITV principe grava paŝo, sed li timas ke la elsendoj ne vivos longe.

*Kiel fakto tio estas grava atingo. Grandega kaj tre donkiĥota laboro, antaŭ kiu eblas respektoplene depreni la ĉapelon. Eĉ se post kelkaj tagoj, semajnoj aŭ monatoj la stacio ĉesos funkcii, tio neniel malpliigos la gravecon de la jam okazinta evento. Ekonomie kaj praktike la afero aspektas senespera, sed se tamen ĝi montriĝos vivkapabla, mi persone taksus tion eĉ plia atingo, ol la lanĉo mem*, komentis Andrej Grigorjevskij.

Ni demandis al Flavio Rebello, kiom da spektantoj necesus, por ke la projekto iĝu nemalprofita.

*La problemo ne estas "kiom da spektantoj", sed kiom da landoj spektos al ITV. La granda atuto de ITV estas la internacieco de la publiko. Kaj jes, ni jam havas tri proponojn de reklamoj, kaj estas aliaj kontaktoj, kiuj evoluas cele al reklamado*, li rakontis.

Pliaj demandoj: Kiel longa tempo laŭ via takso necesos por atingi la necesan kvanton de spektantoj? Ĉu la kolektita mono sufiĉos por vivteni la kanalon ĝis la atingo de sufiĉa spektantaro?

*Ni laboras kun ses-monataj celoj. Nia nuna celo estas superi la vizitadon*

*de Gxangalo (pli ol 109 mil personoj en oktobro) jam en majo 2006. Pri la mono, ni uzas ĝin tre konsekvence, por ŝpari kiom eble plej multe. Sed kompreneble ĝi finos, kaj ni jam antaŭvidas aliajn manierojn enspezi por ke la televidkanalo esperantista neniam fermu la pordojn. Unu afero tamen estu klara - neniam oni bezonos aboni aŭ pagi ion ajn por spekti al Internacia Televido*, diris Flavio Rebello.

### Eĥo ekster Esperantujo

La starto de ITV estis rimarkita ankaŭ ekster Esperantujo, atentigas Flavio Rebello.

*La reagoj estis tre bonaj. Ni havis tre pozitivan raporton pri ITV kaj Esperanto en la franca regiona televidkanalo France3. Estas tekstoj pri ITV, plejparte tre favoraj, en pli ol 30 retejoj en la mondo, kaj en pli ol 18 lingvoj. La celo de Internacia Televido estas ankaŭ montri al la mondo, ke Esperanto estas ne nur vivanta lingvo, sed ja interesa kulturilo. Per tiaj raportaĵoj, ni sukcesas parte kovri ĉi tiun nian celon.*

Laŭ informo en la retejo de ITV, Pola Televido lastatempe konsentis iĝi "partnero" de Internacia Televido kaj disponigi al ITV grandan kvanton da programoj.

Kaze de teknikaj problemoj eblas provi ankaŭ du rektajn adresojn de la elsendofluo:

mms://itv.interrogacaodigital.net/itv
www.interrogacaodigital.com/stream/itv

Gxangalo estas retservo gvidata ankaŭ de F. Rebello:

gxangalo.com

## Reta atako al ITV

**Libera Folio - www.liberafolio.org**

En merkredo, la 30-a de novembro, nekonata atakanto sukcesis pere de la reto forviŝi ĉiujn informojn en la servilo de Internacia Televido, la nova esperantlingva televidkanalo kiu komencis siajn elsendojn antaŭ kelkaj semajnoj. Tiel klarigis la tuttagan malaperon de ITV la administrantoj de la projekto.

*Por malhelpi la sukceson de estontaj atakoj, la administrantoj de ITV altigis la nivelon de la sekureco en la servilo*, anoncas **Flavio Rebello**, la estro de ITV.

Tamen ITV tute ne estas la sola esperantlingva retejo kiun trafis atakoj de retaj maliculoj. Retaj atakoj ĝenerale estas konstanta problemo ĉie en la mondo, sed multaj organizaĵoj kaj entreprenoj preferas laŭeble silenti pri la atakoj por ke la atakantoj ne ricevu la publikecon kiun ili ofte deziras.

Laŭ la informoj de ITV la atako kaŭzis ke la tuta enhavo de la retejo estis forviŝita. Ne ĉiuj estas konvinkitaj, ke ITV efektive estis atakita. En la diskutejo soc.culture.esperanto **Edmund Grimley Evans** konstatis, ke plej ofte malfacilas scii, ĉu retejo efektive estis atakata, aŭ ĉu ĝi ĉesis funkcii pro alia kialo:

*Kiam iu pretendas, ke TTT-ejo ĉesis funkcii pro atako, sed ne donas pliajn informojn, tio ofte signifas, ke malkompetenta administristo volas forpuŝi la kulpon de si mem. La pretendo estas speciale suspektinda, kiam malgraŭ la manko de detaloj oni pretendas scii, kia homo atakis, kaj kiajn motivojn tiu homo havis.*

# Interlingvistikaj Studoj altiras pli kaj pli da studentoj

**Inter la 26-30a de septembro okazis la unua sesio por la novaj studentoj de la postdiplomaj Interlingvistikaj Studoj de UAM (Universitato Adam Mickiewicz), en Poznan.**



ILONA KOUTNY

27 kandidatoj el 13 landoj aliĝis al la trijara ekstera studado, kiu postulas surlokan partoprenon nur dum unu intensa semajno ĉiusemestre, kaj tion sekvas hejma laboro kaj reta konsultado. La multnacia partoprenantaro ebligis interesajn interkulturajn komparojn.

La unua semestro konsistis el la kursoj pri komunikado (Ilona Koutny), enkonduko en esperantan kulturon (Zbigniew Galor), esperanta literaturo de la unua periodo (Lidia Ligêza kaj Tomasz Chmielik) kaj interlingvistiko 1 (Vera Barandovská-Frank kaj Detlev Blanke). La kurson pri kulturo kompletigis la prelegoj pri e-a teatro (Zofia Banet-Fornalowa), pri e-a muziko (Floréal Martorell) kaj pri e-aj filmoj (Roman Dobrzyñski) okazintaj jam enkadre de la semajnfina kultura renkontiĝo Arkones.

Dum la sama semajno tri finstudintoj faris sukcesan finekzamenon defendante sian diplomlaboraĵon pri metodiko gvidatan de Katalin Kovats: Alain Delmotte (Belgio): Analizo de vortprovizo en kvar lernolibroj; Iwona Kociêba (polino el Belgio): Instruado de akuzativo; Mónika Molnár (hungarino el Svislando): Muziko en la instruado.

Arkones atendis la diligentajn gestudentojn per multe da elstara muziko (JoMo, Jacques Le Puil, Georgo Handzlik, Suzanna Kornicka, Jacques LePuil, Paulo Moĵajev, Natalia Stiĵnjova,Yas Kawamura, Moliere Ngangu, Robert von dem Borne, la bandoj Dolĉamar' kaj Krio de l' morto) kaj per aliaj kulturaj eventoj: de diverstemaj prelegoj tra oratora konkurso ĝis teceremonio.



Sur la foto videblas de maldekstre Ilona Koutni (Hungario-Pollando), gvidanto de la Interlingvistikaj studoj, Robin Bateau (Francio) unu el la premiitoj en la oratora konkurso, Teresa Liberska (Pollando) partoprenato en la kurso, Augusto Casquero (Hispanio), pofesoro en ISTK de Bydgoszcz. Malantaŭe videblas Peter Chrdle (Ĉeĥio) kaj irana partoprenanto en la kursoj.

# Forpasis Bakin, granda ĉina beletristo kaj esperantisto

**En la aĝo de preskaŭ 101 jaroj, la 17-an de oktobro en Ŝanhajo, forpasis la granda esperantisto Bakin, unu el la plej konataj ĉinaj verkistoj de la pasinta jarcento, honora prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo, membro de la honora patrona komitato de UEA. Pli frue Bakin estis interalie prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo.**

**LIBERA FOLIO - www.liberafolio.org**

En Esperanto aperis pluraj verkoj de Bakin, inter tiuj la granda romano *La Familio* kaj la romaneto *Aŭtuno en printempo*, kies titolo estis inspirita de la romano *Printempo en aŭtuno* de **Julio Baghy**. Tiun originale esperantlingvan romanon Bakin tradukis al la ĉina jam en 1932.


*Bakin en 1938*
eo.wikipedio.org

La nomo Bakin (foje transskribata kiel Ba Jin, Pa Jin aŭ Pa Chin) efektive estis pseŭdonimo. La vera nomo de Bakin estis **Li Feigan**. Li naskiĝis la 25-an de novembro 1904 en Chengdu en centra Ĉinio en bonstata familio, kaj ricevis bonan edukon, studante interalie la anglan.

Jam en 1921 li verkis artikolon kun la titolo *Karakterizaĵoj de Esperanto*. Tiam li konis nur la elementojn de Esperanto, sed jam klopodis disvastigi ĝin, ĉar al li plaĉis la idealoj de **Zamenhof**. En 1923 li translokiĝis unue al Ŝanhajo kaj poste al Nankino, kie li daŭrigis siajn studojn, bone lernis ankaŭ Esperanton, kaj legis ĉiujn troveblajn librojn en Esperanto. Poste, en 1928, li studis en Parizo, kaj tie konatiĝis kun alia granda veterano de la ĉina Esperanto-movado, **Hujucz**.

La plumnomon "Bakin" Li Feigan elektis laŭ du silaboj el la ĉinaj nomoj de siaj du korifeoj, la rusaj anarkiistoj **Bakunin** kaj **Kropotkin**. Li admiris radikalajn rusajn verkistojn kaj sopiris iĝi profesia revoluciulo en la kamparo. Sian grandan romanon *La Familio* li finverkis en Ŝanhajo en 1933.

Dum la milito kontraŭ la japana okupacio en 1937-1945, Bakin migris de loko al loko sed neniam ĉesis verki. Li helpe de esperantaj tradukoj tradukis literaturon al la ĉina, kaj li ankaŭ planis traduki al Esperanto sian romanon *La Familio*, sed tiun intencon li neniam realigis.

Li admiris radikalajn rusajn verkistojn kaj sopiris iĝi profesia revoluciulo en la kamparo.

Jam dum la milito alia konata ĉina esperantisto **Chen Yuan** komencis traduki la romanon. En artikolo pri Bakin li skribas: *Emociita kaj edifita de "Familio", mi tradukis kelkdek paĝojn dum milita periodo. S-ro Ĵelezo kuraĝigis min tion daŭrigi kaj promesis, ke li helpos publikigi la tradukon. Sed bomboj de japanaj invadintoj detruis mian hejmon kaj ankaŭ mian tradukon.*

Dum la Kultura Revolucio (1966-1976) Bakin estis persekutata kaj sendita al "reedukado per laboro" laŭ la ordonoj de **Maŭ Zedong**. Dum tiu periodo, kiun li pasigis en la Kadra lernejo de la 7-a de majo, alinome "la bovinejo", li hazarde trovis la *Dian Komedion* de **Dante**. Nokte en "la bovinejo" li sekrete kopiadis la tekston mane, kaj tage, laborante en la kampoj aŭ ricevante kolektivan kritikon, li silente recitis al si la poemojn de Dante.

En 1982, kiam jam pasis la teruroj de la Kultura Revolucio, kaj en Ĉinio povis aperi liaj verkoj en esperanta traduko, li diris: *Pasis pli ol 40 jaroj, dum kiuj mi travivis la ok-jaran Kontraŭjapanan Rezistmiliton kaj la dek-jaran Kulturan Revolucion, tamen mi neniam perdis amon al Esperanto*.

Jam pli frue, en 1980, Bakin flugis al Stokholmo por unuafoje partopreni Universalan Kongreson. Tiam li diris: *Antau mia vojaĝo miaj amikoj admonis min, ke en tiel granda aĝo mi ne partoprenu tian kongreson. Ili ne sciis, ke en la pasintaj jaroj mi neniam perdis intereson pri la internacia lingvo. Kaj post la kongreso mi havas pli grandan fidon al Esperanto. Esperanto certe fariĝos komuna lingvo de la homaro*.

Laŭ la ĉina kutimo oni festis la centjaran jubileon de Bakin jam en novembro 2003, kiam komenciĝis la centa vivojaro de Bakin. Tiam en Ŝanhajo estis prezentitaj kvar diversaj scenaj versioj de lia romano *La Familio*: kiel tri diversstilaj klasikaj ĉinaj operoj, kaj kiel modernstila teatraĵo. En la naskiĝloko de Bakin, Chengdu, jam en 1987 estis konstruita tuta ĝardeno kun la nomo Huiyuan. La ĝardeno prezentas la scenojn de la konata romano de Bakin.

## Eĥo de lia morto

**M. Pancorbo k T. del Barrio**

La morto de Bakin forte tondris en amasmedioj, ne nur ĉinaj, sed el ĉiu parto de la mondo. Lia enverguro kiel beletristo kaj portanto de la ĉina kulturo, tion ebligis kun la kromefiko ke la vorto esperanto tamburis en okuloj kaj oreloj de amaso da homoj.



Ankaŭ en hispanlingvujo la reago estis amasa. Jen eltiraĵo de la informo aperinta en multaj gazetoj kaj ĵurnaloj:

> *Ba Jin parolis Esperanton (Ĉinujo estas unu el la landoj kie tiu ĉi universala lingvo estas pli disvastigata) kaj estis vicprezidanto de la Ĉina Ligo de tiu lingvo en la okdekaj jaroj. Li ankaŭ estis prezidanto de la Asocio de Ĉinaj Verkistoj.*

Notu, ke la redaktinto tiujn liniojn konsideras Ĉinujon lando kie "esperanto estas pli disvastigata".

Jen ekzemploj de reagoj:

http://actualidad.terra.es/cultura/articulo/muere_ba_jin_546145.htm

http://estadis.eluniversal.com.mx/notas/310741.html

# UK en Florenco

**Inter la 29a de julio kaj la 5a de aŭgusto de 2006, okazos la 91-a Universala Kongreso de Esperanto en Florenco, Italujo.**




UEA

La temo de la 91-a Universala Kongreso de Esperanto estas *Lingvoj, kulturoj kaj edukado al daŭrigebla evoluo*. Pri la temo decidis la Estraro de UEA, kiu invitis kiel reĝisoron de ĝia traktado en la UK la ĉilian komitatanon de UEA José Antonio Vergara, jovergaola@surnet.cl.

La traktadon de la temo partoprenos la eminenta lingvopolitika fakulo François Grin, profesoro pri ekonomiko en la Universitato de Ĝenevo, kiu festparolos en la kongresa inaŭguro.

La temreĝisoro s-ro Vergara volonte akceptas proponojn pri aliaj kontribuoj kaj ideojn pri la temtraktado.

Eblas aniĝi per reto:

www.ukflorenco2006.it

# Sarajevo invitas!

**La 62-a IJK okazos inter la 6-a kaj la 13-a de aŭgusto 2006 en Sarajevo, Bosnio-Hercegovino. La Loka Kongresa Komitato elkore invitas junajn hispanajn esperantistojn partopreni tiun ĉi eventon.**

Espereble multaj membroj de la hispana movado, ne nur junuloj, rekonos la ŝancon viziti Sarajevon kaj samtempe partopreni IJK-n. Jen nova ebleco ĝui eksterordinaran kongresan etoson kaj profundigi bonajn rilatojn inter niaj movadoj.

La kunvivado de diversaj popoloj, religioj kaj kulturoj havas jam plurjarcentan tradicion en Sarajevo. Nek teruraj okazaĵoj dum lastaj dek jaroj malharmoniigis la urbon. En la nuntempa malfermiĝo kaj akceptado de tutmondaj normoj, pro sukcesa konservado de siaj kutimoj kaj la tradicia kunvivado de malsamaj religioj, kulturoj kaj etnoj, Sarajevo ŝajne estas la plej bona loko por diskuto pri la nuntempeco, la tutmondiĝo kaj la konservado de tradicioj, multkultureco kaj toleremo.

Grandaj olimpiaj montaroj, fonto de la rivero Bosno, neolitika trovejo Butmir, riĉa nokta, kultura kaj arta vivo, bonega gastronomia oferto – ĉio troveblas nur duonhoron for de la kongresejo.

Por akurataj informoj pri la aliĝreguloj la kongrespreparoj, bonvolu viziti nian retpaĝaron:

http://www.esperanto.ba/ijk/

VILDANA DELALIĆ, EL LKK

# Valora kaj kuraĝa historiografia verko

**Historio de Esperanto, de A. Korĵenkov, estas destinita por esperantistoj, kiuj volas pli detale ekkoni la historion de Esperanto. Oni tuj sentas, ke ne temas pri propagandilo, verkita per patosa stilo kaj prezentanta nur pozitivajn faktojn el la historio por impresi la eksterulojn per idilia bildo pri nia movado.**

MIROSLAV MALOVEC




Male, la aŭtoro ne prisilentas negativajn trajtojn de la esperantistaro kaj senmitigas eĉ la Majstron mem, kiu ne ĉiam pravis, ne ĉiam kondutis modele, ne ĉiam estis respektata, adorata kaj obeata. Malmulte li enspezis, ĉar li estis malbona kuracisto, kiu devis kontentiĝi per malriĉaj pacientoj, lia ĉefa enspezo estis honorarioj de Hachette. Plurfoje li volis reformi Esperanton, plurfoje kabei el la movado. La lingvo estis skuata de ambicioj, rivalecoj, ĵaluzoj kaj eĉ malamikecoj de la movadaj gvidantoj, kies reciprokaj kvereloj plurfoje preskaŭ pereigis ĝin, sed ĝi ĉiam denove fenikse renaskiĝis al plua vivado. Tamen la drasta vero ne estas malpli impona ol indulgaj mensogoj. Kuraĝigas scii, ke eĉ la misaj agoj de la homoj donis rezultojn, dank' al kiuj la lingvo vivas ankaŭ post cent jaroj.

Plej detale estas priskribitaj la komencoj de la movado. Zamenhof rigardis Esperanton parto de sia homaranismo, la tutmonda harmonia religio, kiu tamen estis absolute rifuzata de ĉiuj kaj opiniata nur senbezona strangula obstaklo malhelpanta disvolviĝon de la lingvo. Priskribataj estas ankaŭ liaj klopodoj en la juda movado por restarigi patrujon de la tutmonda judaro. Zamenhof ne kredis, ke la ideo estas realigebla en Palestino inter araboj kaj proponis aĉeti iun dezertan lokon en Ameriko.

Ankaŭ la startigo de Esperanto ne okazis laŭ liaj imagoj. Kiam li eldonis la Unuan Libron, li kredis, ke li povas rezigni ne nur pri la aŭtoraj rajtoj, sed tute retiriĝi flanken, kaj la movado jam iros per si mem, sed la realo lin ĉiam revokis kaj devigis denove engaĝiĝi. La imponan Bulonjan Kongreson antaŭis kvereloj inter la organizantoj, ili cenzuris la paroladon de Zamenhof kaj ne permesis

**Aleksander Korĵenkov**, *Historio de Esperanto*. Serio Scio, Volumo 5, Kaliningrado, eldonejo *Sezonoj* 2005, 128 pĝ., prezo 12 €

## Liven Dek kaj Camacho baldaŭ en *Sezonoj*

DARÍO RODRÍGUEZ

Laŭ informo de Aleksander Korĵenkov, lia eldonejo *Sezonoj* tuj lanĉos novan libron, *Satiroj kaj humuraĵoj pri Esperanto kaj esperantistoj*.

Krom rakontoj de malnovaj E-humuristoj kiel Raymond Schwartz k.a., la libro enhavos amuzajn rakontojn verkitajn fare de Liven Dek, Jorge Camacho kaj Gonçalo Neves, famaj membroj de la Ibera Skolo.

al li diri ĉion, kion li deziris. La Bulonja Deklaracio kaj Fundamento de Esperanto estis rezultoj de kompromisoj. La sanktaĵoj de la movado ne estis tiel sanktaj, kiel ni prezentas ilin kutime antaŭ la publiko.

La Ido-krizo ne estas prezentata laŭ tradicia scenaro pri perfiduloj, sed kiel klopodo de homoj helpi al la ideo per forigo de obstakloj, kiuj ŝajnis bremsi la avancon de la lingvo. Precipe la supersignoj kaj la finaĵoj -ojn, -ajn estis tiel rigardataj. Zamenhof mem proponis plurajn reformojn, sed ŝajnas, ke li intence troigis, por atingi negativan voĉdonadon.

Zamenhof plurfoje provis starigi tutmondan organizon de esperantistoj, tamen sukcesa estis nur Hector Hodler post multaj malfacilaĵoj. La aŭtoro diras: *En 1911 UEA havis ... 7804 individuajn membrojn, pli multe ol nun, preskaŭ 100 jarojn poste*." Kaj en alia loko: *Estas preskaŭ nekredeble, ke necesis dudeko da jaroj, por ke per la fondo de UEA konkretiĝu la ideo, ke oni lernas la lingvon por uzi ĝin, ne por ĝin reformi, ne por en ĝi diskuti pri ĝi mem, ne por disvastigi ĝin*.

Speciala ĉapitro estas dediĉita al SAT kaj problemoj de neŭtraleco de UEA, kiu devus esti ne cedo kaj flato al kruelaj totalismaj reĝimoj. Eble mi riproĉus, ke ekloĝon de Esperanto en la interreto li nur mencias en la lasta frazo, kvankam ĉi tiu fenomeno meritus propran prelegon, ĉar tie okazas nun la ĉefa batalo pri la ideo. Mi bonvenigus ankaŭ ĉapitron pri la originala literaturo en Esperanto, ĉar la publiko estimas nur lingvojn, kiuj posedas propran kulturon. Pri Esperanto oni kredas, ke ĝi ne ekzistas, ĉar ankaŭ esperantistoj mem ĝin ne konas.

Kompare kun aliaj historioj de Esperanto, kiujn mi legis, ĉi tiu libro priskribas precipe la unuajn jardekojn de la movado ĝis la unua mondmilito tre detale kaj sen mitologia vualo, per kiu ni kutime klopodas kaŝi, ke eĉ la uzado de komuna lingvo vekas malpacojn inter homoj, kiuj per ĝi volas pacigi la tutan mondon. Estas utile, de tempo al tempo rigardi en spegulon.

*Tiu ĉi recenzo unue aperis en* Libera Folio, www.liberafolio.org

## PMEG paperos




MANUEL PANCORBO

Unu el la fostoj de nia lingvo —aldone al Fundamento, PIV, ktp—, la grandega verko *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (PMEG), skribata kaj prizorgata de la akademiano Bertilo Wennergren, baldaŭ aperos en libra vestaĵo. Ĝis nun, PMEG estis (kaj plu estos) libere alirebla kiel HTML-paĝo kaj PDF-dokumento (vd. sube).

Jen eltiraĵoj de vortoj el Bertilo: *Ĉisomere, kiam mi estis en Usono, mi ricevis novan oferton pri eldonado. Tiu oferto venis de ELNA (Esperanto-Ligo por Norda Ameriko), pere de Tim Westover, kiu estas la motoro de tiu iniciato. Mirinde glate kaj senprobleme iris la intertraktado.*

La efektiva presado estos finita la 28an de Decembro kaj la disvendado komenciĝos en januaro 2006.

www.bertilow.com/pmeg

# Eseo pri *Don Quijote*

**Fine de la kiĥota jubilea jaro, ni prezentas tiun ĉi eseon pri la aventuro de la legado de Donkiĥoto, verkitan de nia samideano Luis Serrano. Jen fermo de la aktivaĵoj per kiuj, kadre de la projekto Kiĥoto-2005, HEF kontribuis al la oficiala omaĝo al tiu grandioza romano.**

La hispana registaro decidis celebri la kvarcent-jaran datrevenon de la donkiĥoto-eldono. La majstra verko de la hispana literaturo kaj eble de la mondo. Ĝi estas omaĝo al ĝia verkisto Miguel de Cervantes. Mi pensas, ke la hispanoj havas tiun ŝuldon, rekoni la valoron kaj enhavon de tiu mesaĝo sendita al la mondo de ĝia genia aŭtoro, bedaŭrinde ne ĉiam komprenata, eĉ de fakuloj en la literatura kampo.

*Donkiĥoto* estas la plej granda drama verko neniam antaŭ verkita, sed kiel dirite ne bone komprenata. Estas iuj personoj, kiuj legas *Donkiĥoton* por persona amuziĝo. Mi legis tiun verkon tri fojojn, unu en la kastilia lingvo kaj du en la Esperanta versio. Mi devas konfesi, ke je la unua fojo, mi serĉis avide tiujn rakontaĵojn, kiuj esplodigas la ridon, kaj mi multe amuziĝis. Sed kiam mi legis ĝin la duan kaj trian fojon, mia opinio tute ŝanĝiĝis. Mi konstatis, ke tiu verko estas la dramo plej grava kaj interesa ĝis nun prezentita al la publiko. Kiam oni legas *Donkiĥoton*, nepre oni devas ĝin legi trankvile malrapide, kvazaŭ ĝi estus manĝaĵo bongusta per kiu nia palato donas al ni vivĝuon. Krome en *Donkiĥoto* vi devas legi tion, kio ne estas skribita, ĉar la tuta verko estas kvazaŭ masko, kiu kaŝas la veron. Ofte Cervantes skribis la malon de tio, kion li deziris rakonti. La verko, en tiu unika stilo estas ampleksa ekspono de la homaj travivaĵoj tiutempaj, multaj el ili bedaŭrinde aplikeblaj al nia nuntempa vivmaniero.

Neniu devas ignori, ke ĝi estis verkita en la obskura epoko de la fifama Inkvizio, kiam la katolikka eklezio starigis leĝojn kaj normojn, kies malobeo en multaj okazoj signifis torturadon, bruligadon, mortpunon. Kara amiko, legu sub ĉi tiu vidpunkto *Donkiĥoton* kaj sendube vi havos aliajn kriteriojn pri la verko. Neniu el la epizodioj aŭ se vi preferas de la travivaĵoj restas for de la mizero de la ĉiutaga vivo. Jes, sed alitipe skribite! Cervantes inteligente mokis la tiutempan

severan cenzuron. Li uzis elegantan stilon kaj esprimo-formon de rakontado tute nova ankoraŭ ne superita. Li kaŝe kaj moke priskribis mondon de frenezuloj, kiuj deziras iri tra la mondo por restarigi justecon kaj pacon, kiuj sendube mankis tiutempe, sed, ĉu vi povas diri al mi, kio okazas hodiaŭ? Ĉu en nia tempo ne estas realaj tiuj eksponoj de Donkiĥoto pri tiuj kiuj volas altrudi pacon kaj ĝustecon pere de armiloj? Jes, Donkiĥoto havis kiel forton sian brakon kaj sian lancon, hodiaŭ tiuj modernaj donkiĥotoj havas plej rafinitajn armilojn.

Donkiĥoto reprezentis la sociordon, Donkiĥoto estas la karikaturo, kiun inventis Cervantes pri socio freneza, aŭtoritata —kia estis Donkiĥoto—, militema kaj avarema, ĉar ĉion li volis, eĉ se poste li estis preta al donacoj kaj eĉ mokema pri homoj, kiuj kritikas lin. Donkiĥoto estas la spegulo de la vivsistemo tiutempa, ĉiam katenita al la ideoj kaj pensoj de absurda religia sistemo, kiu ne hezits puni tiun, kiu deziris, intencis eliri de sia orbito. Mi povas prezenti ĉi tie centojn da ekzemploj troveblaj en la verko, sed ne estas tiu mia intenco klarigi tion, kion jam estas skribita, estas vi kara samideano, kiu devas kompreni la lingvaĵon kaj stilon de Cervantes unikaj en la mondo kaj kiujn li ŝprucigis pere de la komika figuro de Donkiĥoto. Ne forgesu aldoni la altrangajn kavalirojn pretajn konkeradi ion ajn.

Donkiĥoto estas la karikaturo, kiun inventis Cervantes pri socio freneza, aŭtoritata, militema kaj avarema.

Pri Donkiĥoto oni povas diri, ke li reprezentas la altrangulojn de la socio, ĉiam kapricemajn kaj pretajn fari siajn frenezaĵojn. Vi jam povas konstati, ke Donkiĥoto ne volas eliri al la mondo sen servisto, ŝildisto. Tasko akceptita de la vilaĝano Sancho Panza post multaj interkonsentoj. Tie Cervantes bone rimarkigas la sociajn klasojn ekzistantajn tiutempe. Sancho nur serĉi vivrimedojn por subteni sian familion. Jen la konstanta dramo de tiu kaj nia nuna socia sistemo. La dramon manĝi ĉiutage tre bone klarigas tie Cervantes. Sed Sancho ankaŭ komprenis, ke li devas vivi harmonie kun sia senjoro kaj la eklezio. La figuro kaj rolo de Sancho Panza estas la kerno de la verko. Priridi la diraĵojn de Sancho estas kvazaŭ priridi la popolon. Sancho reprezentis la popolon, kaj ĝiajn saĝecon kaj mizeron sed kun honesta koro. Ĉiuj ruzaĵoj faritaj de Sancho estis kaj estas ankaŭ unu el la multaj rimedoj, kiun devas uzi la popolo por vivi ĉiutage. Estas terura la dramo de Sancho Panza: je unu flanko estas la mastro Donkiĥoto, kun siaj frenezaĵoj kaj kapricoj, je la alia sia edzino kaj la hejmo, la filino, kaj eĉ la azeno. Estas momentoj en la travivaĵoj de Sancho plenaj je emocio, kiuj la senteman homon portas preskaŭ al plorado.

La dialogoj inter Donkiĥoto kaj Sancho enhavas literaturan riĉecon neniam antaŭe antaŭe atingita. Donkiĥoto repre-

zentis la forton kaj la avarajn dezirojn ĉion atingi, starigi leĝojn. La tiutempaj vilaĝaj altranguloj, la barbiro kaj aliaj vilaĝanoj pretas haltigi Donkiĥoton, kiu sin sentis kiel forton de la racio, kiun la aventuristoj tiutempaj ne volis rezigni kaj, kara, vi povas tion apliki al niaj modernaj tempoj. Kiam el la buŝo de Sancho komencas eliri konsiloj, diraĵoj por forigi la frenezaĵon de sia mastro, kun la replikoj kaj filozofiaj eksponoj de Donkiĥoto estas kiam oni ĝuas la veran mesaĝon de la verko. Ĉiuj konversacioj inter Donkiĥoto kaj lia ŝildisto celas ordigi la mondon, kiun ruze scias prezenti Cervantes pere de tiuj du komikaj homaj figuroj. Kiom da saĝeco en la proverboj de Sancho, mi bezonis tre ofte reiri malantaŭen, relegi paragrafojn de tiuj konversacioj, ĉar mia kompreno-kapablo ne povis digesti ĉion tuj, rapide. Kiel dirite antaŭe, mi legis tiun verkon tri fojojn kaj mi ĉiam trovis ion novan. La konsiloj de Sancho al lia mastro aŭ la opinioj pri moraleco de Donkiĥoto enhavas la saĝecon de la popolo kaj la rezonadon de kulta homo, kiu estis Donkiĥoto. Ĉiu epizodo, ĉiu konversacio, ĉiu diskutado kaj eĉ la filozofado inter la du plej gravaj rolantoj de la verko, estas klara kaj ne diskutebla situacio en kiu troviĝis tiutempe la socio. Kiam aperas antaŭ vi tiuj paĝoj en kiuj ne estas apartaj alineoj, tiam oni devas legi malrapide kaj se necese, kiel mi jam diris, iri malantaŭen. En tiu eleganta prozo estas la tuta valoro de la verko de Cervantes. *Donkiĥoto* ne estas rakonto pri iu ajn travivaĵo. *Donkiĥoto* estas la pura filozofio aplikata al ĉiutaga vivo. *Donkiĥoto* estas la dramo de la homaro kun siaj mizeraj deziroj kaj kun sia maljusta funkciado. Ĉu vi pensas, ke Cervantes povis plenlibere klarigi la vivkondiĉojn de sia socio? Absolute ne. Li devis uzi ruzecon kaj lerti maski la veron. La resto estas nia afero, estas la tasko de la leganto. Sed nia socio, laŭ miaj konversacioj kun multaj personoj, ankoraŭ ne sciis trovi la valoron de la verko. Eĉ iuj diras, ke estas tro da literoj por ĝin legi. Al tio mi povas aldoni, ke se vi ankoraŭ ne legis *Donkiĥoton*, estas kvazaŭ vi vivus en plena analfabeteco.

**Luis Serrano**

## Poemoj

Evoluismo

*Se mi koleras*
*aŭ, pli kutime, lacas,*
*mi povas dorni*
*(ne pensu ke mi, tamen,*
*histrikas, erinacas).*

**Jorge Camacho**

Vigo, 2005-09-14

Nature

*Arvikolinon*
*kortezas arvikol'.*
*En la tombejo*
*cipresa semo ĝermas*
*sub ombro de pirol'.*

**Jorge Camacho**

Vigo-Madrido, 2005-09-14

# Jarabonoj kaj kotizoj por 2006

### HEF

Boletín de HEF (eksterlandaj abonantoj, enlandaj vd. paĝon 32an)............30 €
RET-INFO (12 monatoj)........................................................................ 19 €

**Peranto:** HEF

### Universala Esperanto Asocio

Individua Membro kun Gvidlibro MG..........................................................9 €
Individua Membro kun Jarlibro MJ(-T)......................................................22 €
Individua Membro plus abono al E-o MA(-T)............................................56 €
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA)........................................36 €
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto)........................................22 €
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ)...................................... 112 €

Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto.

**Peranto:** Pedro A. Garrrote, hisperantouea@terra.es; Apartado 119 Esperanto; 47080 Valladolid; Banco Español de Crédito (BANESTO), Konto: 0030 6002 74 0000901271.

### HEF Libroservo

Heroldo de Esperanto...........................................................................32 €
Femina...................................................................................................20 €
Literatura Foiro..................................................................................... 30 €
Internaciisto..........................................................................................15 €
La Ondo de Esperanto (12 numeroj jare)....................................................27 €

**Peranto:** Luis Serrano, luis_serrano@mixmail.com; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. 937 275 021; Banco Sabadell n-ro: 0081 0900 8200 0671 2480. (Por bank-ĉeko aldonu 1,5 €)

### KAE

KAE-informilo...................................................................................... ? €

**Peranto:** Santiago Torné; C/ Roca 22, 3º-1ª; 08208 Sabadell.

La Gazeto.............................................................................................. 20 €

**Peranto:** Barcelona E-Centro; Bassegoda 40, 3ª-1º; 08028 Barcelono

### SATeH

Sennaciulo (kotizo al SAT + abono + Sennacieca Revuo)...........................40 €

**Peranto:** Pedro Sanz; pmariass1@auna.com; Uno-e de BBVA, konto: 0227 0001 87 0200526929.

SATeH kotizo......................................................................................... 6 €

**Peranto:** Pedro Sanz; pmariass1@auna.com; Cajamadrid, konto: 2038 1787 43 6000182731

# Aniĝilo por 2006

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al HEF-oficejo (914 468 079). Bv. skribi klare

### Personaj datumoj

Kompleta nomo: ........................................................ Annumero: ....................
Adreso: ......................................................................................................
Poŝtkodo kaj urbo: ..................................................... Tel.: ..............................
Naskiĝdato: .......................................... Retadreso: .........................................

### Aniĝo

□ OM ordinara membro ....................................................................... 31 €
□ kun junulkarto ..................................................................................28 €
□ PM patrona membro ......................................................................... 62 €
□ KM kolektiva membro ........................................................................62 €
□ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) ..................................................... 25 €

Ĉiu ano ricevas Boletín; infanoj ĝis 12 jaroj, Juna Amiko; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, Kontakto. Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizotaj de Hispana Esperanto-Federacio

### Pagmaniero

□ Bankordone (plenigu la malsupran formularon)
□ Enspezo en konton 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
□ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 €).
□ Enspezo en la konton hefb-m de UEA (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

---

## DOMICILIACIÓN BANCARIA

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.:____/____/__/__________

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada, y hasta nueva orden, los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto, en concepto de cuota anual.
Fecha:
Nombre y firma del titular: